# IRĒJO - Bulteno

Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo

N-ro : 15 Junio - Julio 1996 Ĥordad - Tir 1375



## Adresoj

**IREJO - Bulteno**

□Redaktoro : M.Reza Torabi □Kunlaborantoj : Fáriba Nuri Máĝd, Monire Fáhmi □Eldonaj aferoj : Ábbas Bagestani □Kovrilo : Máhmud Mirbozorgi □Eldona ordo : du monate □Poŝta adreso : P.O.Kesto 17765-184, Tehrano, Irano □Telekopiilo : (+98) 21 363232 □Telefono : (+98) 21 4506503 □E-poŝto : karimi@eco.atu.ac.ir ■

---

**Irana Esperantista Junulara Organizo - IREJO**

UEA kodo : irej-n, P.O.Kesto : 17765-184, Tehrano

Fondita en 1372(1993), Landa sekcio de TEJO, Landa filio de ISAE

La Estraro de IREJO :

- ***Prezidanto*** : M.Reza Torabi, (Eksteraj Rilatoj, Informado, Planado) p/a : IREJO
- ***Vicprezidantino*** : Fáriba Nuri Máĝd (Virinaj aferoj, Kunvenoj kaj Kunsidoj) p/a : IREJO
- ***Ĝenerala sekretario*** : Hámzeh Ŝáfii (Interasociaj Rilatoj, Pasporta Servo) p/a : P.O.Kesto : 13445-915, Tehrano. Tel : (021) 4506503
- ***Kasisto*** : Ábbas Bagestani (Komputila Rondo) p/a : P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : (021) 6626913. E-poŝto : sanoorie@ce.sharif.ac.ir
- ***Komisiito*** :
- Ábdollah Hákim Neĵad (Universitataj aferoj) p/a : IREJO

---

**La 7a Ĝenerala IREJO-Kunveno**

*"Jara Ĉefkunveno"*

*Dato : 22 6 1375 (12 9 1996)*

*Okazonte en Báhmán kulturejo, Tehrano.*

*La detalaj informoj ĉe la ĝenerala sekretario.*

## Enhavo :

" Tiu rikoltis, kiu semis, " , tiu estas Irana proverbo pri kiu nia aktivado povas esti ekzemplo. Ju pli la tempo pasas IREJO fortiĝante des pli sukcesas'disvastigante E-on en diversaj terenoj.

Oni ne imagu ke tre simple en la IREJO kadro ni movadumas sen malfacilaĵo, male nin renkontas eĉ danĝeraj situacioj sed ĉar ni aktivadas kolektive kaj harmonie, fine ni transpontas ĉiujn malfacilaĵojn.

Jam UEA ĉefdelegitino ne kunlaborante kaj malakceptante ĉian rilaton eĉ laŭ sia povo kontraŭagas nin, pro tiu multaj geesperantistoj silente rigardante nin atendas la finon!. Oni (tiuj kiuj sin nomas "movaduloj") faris danĝeran kontraŭagon rilate IREJO ke: IREJO - aktivuloj estas danĝeruloj ĉar ili havas rilatojn kun malpermesitaj kontraŭŝtat-organizoj!? (persone mi konas "grandulon" kiu ĉe kvin samideanoj tiel diris kaj timigis ilin sed post unu jaro jam ili certiĝis ke tiu "grandulo" simple faris mensogon!). La farita onidiro estis/as danĝera kaj por IREJO-aktivuloj kaj por E-movado en nia lando do, tuj ni sin turnis al la ministrio pri enlandaj aferoj petante la fondiĝon de "Irana Esperanto-Asocio". La taktiko estis ege efika, ke unue ni silentigis la onidirantojn ĉar se ni havis problemon neniam povus kuraĝi kaj sin turni ĉe la ministrio pri enlandaj aferoj, kie oni tutatente inspektas personajn precedentojn.

Due la onidiro kaŭzis ke ni fari ege gravan paŝon por la fondo de la nacia asocio. Ĉar antaŭe ni preferis tiun fari "la granduloj" sed de post tiam ke la "granduloj" honorigis nin farante tiun danĝeran akuzon ni alpaŝis por la fondo de la nacia E-asocio sen "granduloj".

Trie, la onidirado decidigis nin esti plu sendependaj pri ĉiuj aferoj. Hodiaŭe IREJO lanĉis E-kursojn en diversaj lokoj inter ili la plej gravaj estas E-kursoj okazintaj en Tehran-kulturejoj , kiuj ade daŭras. IREJO okazigis la plej oficialajn E-ekspoziciojn post 15 jaroj en Irano kaj ĉiu sezone IREJO okazigas ĝeneralan kunsidon en Báhmán kulturejo en kiu

oni pridiskutas pri la internacia lingvo Esperanto kaj pri la kunsidoj Irana gazetaro raportas.

Estas facile fari nenion kaj kritiki aliulojn, estas facile fari mensogon, onidiron kaj bruegadi. Mi kaj miaj kolegoj ne atendis esti atakitaj flanke de esperantistoj ĉar Esperanto sufiĉe havas malamikojn en Irano. Estas hontinde se neesperantistoj informiĝu pri la aktuala situacio, vera skandalo kaj hontindaĵo.

La malamikoj de E-o en Irano diras ke Esperanto estas cionistaĵo, ĝi apartenas al cionisma tendaro kaj samtempe apartenas al Báhaanoj kiuj estas ligitaj al cionistoj. Imagu ke de unu flanko kelkaj faras onidiron kaj la "kredon" ke E-o estas ligita kun cionismo!.

Jam tri jaroj pasis de la fondo de IREJO - unua E-asocio en Irano - kies aktivuloj atingis multajn spertojn kaj studis diversajn lecionojn pri la E-movado enlande kaj eksterlande.

IREJO, malgraŭ diversaj kontraŭagoj montris ke organizita aktivado en Irano fareblas kaj ĝi ne estas pasanta **eksplodo** sed ĉiam fluanta fonto de la iniciatoj pri E-movado en Irano.

Ni festas trian datreven-fondon de IREJO, kiu fartas bonege kaj kreskas diversflanke, tutsane.

Ni ne forgesu, ke la estonteco de E-o krom diversaj faktoroj dependas al la Esperantistoj mem. Nia agmaniero kaj aktivado ĉe la aliaj estas ege gravaj. Ni, kiel la pioniroj de la E-movado en la Irana parto havas kaj sentas gravan taskon, ni ne rajtas esti mememaj kaj malprudentaj.

Respektante ĉiujn gesamideanojn (eĉ tiujn, kiuj faris la ondiron) ni informigas nian pretecon por kunlaborado kun ĉiuj gesamideanoj por pli fortigi la movadon en nia lando. Ni bezonas unuecon kaj amikecon se estas ni "samideanoj".

*M.Reza Torabi*

*Asocio por faciligo de la Internacia Turismo per aplikado de Esperanto*
*Aliĝinta faka asocio de Universala Esperanto-Asocio*
*Internacia Esperanto-Turismo 1995/1996*

La plej grava sukceso de "Monda Turismo" en ĝia 25-jara jubileo (1970-1995) estis plua disvolvo de la Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo, en kiu aŭtune de 1995 ekstudis en ses grupoj-tage kaj eksterĉeeste (unua kaj dua studjaro) - pli ol 140 gestudentoj, kio ebligis eduki novajn gvidantojn por Esperanto-turismo kaj kulturo.

Internacia Kultura kaj Turisma Centro de "Monda Turismo" aranĝis sukcese la 20-ajn Esperantajn Tagojn de Bydgoszcz(Pollando), en kies kadro okazis la 10-a Junulara Konkurso de Esperantaj Poezio kaj Kanzono kaj laŭvica studadsesio de AIS (Akademio Internacia Sanmarino) pri turismo kaj kulturo. Riĉan programon havis la 5-a Internacia Esperanto-Kongreso en Bydgoszcz, kun 5-a Eŭropa Esperanto-Forumo. Ankaŭ la 21-a Internacia Simpozio de "Monda Turismo", kaj en pluraj landoj multaj turismaj Esperanto-aranĝoj.

"Esperantotur" - Turisma Servo de "MT" dum la jaro sendis grupojn al pli ol 70 landoj, i.a. al Brazilo, Usono kaj ĉirkaŭ la mondo. Plej multaj busaj grupoj vojaĝis al Skandinavio, i.a. ankaŭ al Nordkapp, 80-a UK en Tampereo, 51-a IJK de TEJO en Sankt-Peterburgo kaj Beltaj landoj. Bedaŭrinde malgrandiĝis la nombro de vojaĝantoj, ĉefe pro ekonomiaj kialoj, sed ankaŭ pro malmultaj profesiaj servoj en Esperanto-turismo. Vere ne eblas varbi kaj sendi grupon por iu Esperant-aranĝo se mankas eĉ programo kaj informoj pri loĝkondiĉoj kaj prezoj. La organizantoj de Esperanto-aranĝo devus multe pli frue disponigi tiujn informojn, alie la Esperanto-turismo ne progresos. Neniu volas pagi ekz-e kongreskotizon, se ne konas almenaŭ loĝkondiĉojn kaj prezon. Do, agu pli bone!

*Bydgoszcz invitas al kultura kaj turisma kunlaboro*

Dank' al kunlaboro kun Vojevodia Kulturcentro kaj financa helpo de la urba Fako pri Kulturo funkcias jam la kvinan jaron nia Internacia Kultura kaj Turisma Centro en Bydgoszcz-urbo, kiu en la jaro 1996 festos sian 650-jaran jubileon.

Kadre de la jubileo ni atendas proponojn pri kultura kaj turisma kunlaboro inter la urbo Bydgoszcz kaj Via naskiĝ - aŭ loĝ-urbo. Tiucele bonvolu sendi al ni konkretajn proponojn pri kunlaboro inter Via kaj nia urboj.

Ni atendas ankaŭ Viajn sinproponojn gvidi en Bydgoszcz semajnon pri la turismaj valoroj, kulturo kaj lingvo(j) de Via lando. Por la alvenantaj

prelegantoj ni povas certigi manĝadon kaj tranoktojn en la gastoĉambro de "Monda Turismo" kontraŭ 5 ĝis 10 duhoraj prelegoj. La prelegoj estos destinitaj por gestudentoj de la Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo kaj por loĝantoj de nia urbo (ne nepre esperantistoj). Krome Vi povos proponi al ili pliajn renkontiĝojn kaj lecionojn kontraŭ pago, kio eventuale parte kovrus la kostojn de Via vojaĝo. Se Vi volus prelegi pri alia temo - skribu ankaŭ; ni preferas tamen temojn ligitajn iel kun kulturo, lingvoj, turismo, ekonomio kaj komerco.

*Internacia Esperanto-studejo en Bydgoszcz - 1996*

En la Internacia Kultura kaj Turisma Centro en Bydgoszcz eblas ankaŭ dum tuta jaro lerni aŭ studi Esperanton, turismon kaj kulturon. Niaj Esperanto-instruantoj tre volonte laboras kun eksterlandaj gastoj. Unu tago de instruado kostas nur 5 USD - ĉu por individuo, ĉu grupeto, ĉu tuta grupo - do ju pli multe de studantoj samtempe, des malpli alta la kosto po persono. Kunlabore kun IEI (Internacia Esperanto-Instituto) en Hago ni proponas ankaŭ la plej malmultekostajn Esperanto-kursojn por komencantoj kaj progresantoj; ili okazadas ĉiusemajne - de lundo ĝis vendredo - kaj kostas 20 USD po persono (Cseh-metoda kurso, kvar tranoktoj plus turisma kaj kultura programo en Bydgoszcz). Dum la restado eblas ankaŭ sekvi la video-kurson "Mazi en Gondolando" kaj rigardi aliajn Esperanto-filmojn.

Tranoktoj en Bydgoszcz eblas kontraŭ 5 USD. en gastoĉambro de "MT" aŭ studenta domo, aŭ kontraŭ 15-40 USD. en hoteloj; manĝadon eblas aĉeti ekde 5 USD. tage. Eblas ankaŭ interesaj ekskursoj, i.a. al Torun, Gdansko, Varsovio kaj Poznan. Venu do kun viaj samlandanoj, kiuj volus vidi la centron de "Monda Turismo", studi Esperanton, turismon kaj kulturon kaj konatiĝi kun la urbo Bydgoszcz en ĝia 650-jara jubileo!

*"Monda Turismo" : Kiel (re-)aliĝi?*

*POR FARIĜI SUBTENANTA (REGULA) ANO :*

Pagu la trijaran kotizon de "MT" (neta egalvaloro de 20 int.respondkuponoj):

- al bankkonto de "Esperantotur", Turisma Servo de "MT" en Bydgoszcz, Pollando, kiun uzas la Centra Oficejo : Wielkopolski Bank Kredytowy, Oddz.Bydgoszcz, n-ro 350815-136-72,
- al la Centra Oficejo de UEA en Roterdamo (por la "MT". subkonto: iamt-i),
- aŭ al Landa Sekcio, Landa Reprezentanto, estrarano aŭ revizoro de "MT" en Via lando.

Plenigu kaj subskribu la aliĝ-deklaron.

Sendu la aliĝ-deklaron rekte al la Centra Oficejo de "Monda Turismo": strato M.Sklodowskiej-Curie 10, PL 85-094 Bydgoszcz, Pollando.

Subtenanta aneco daŭras tri jarojn ekde la aliĝo.

por fariĝi dumviva subtenanta ano necesas pagi unufoje egalvaloron de 2oo respondkuponoj.

*por fariĝi individua (rekomendita) ano :*

Trovu en nia informilo adreson de landa Sekcio, Landa Reprezentanto, estrarano aŭ revizoro de "Monda Turismo" en Via Lando. Se li/ŝi ne konas Vin persone - priskribu koncize Vian agadon por Esperanto kaj turismo, ekzemple : kiujn aranĝojn Vi partoprenis aŭ organizis (kiam, kie), kun kiuj vojaĝoficejoj Vi kunlaboras, kiujn turismajn prospektojn Vi tradukis en Esperanton, en kiu regiono Vi servas kiel Esperanto-ĉiĉerono ktp.

Plenigu kaj subskribu la aliĝ-deklaron.

Sendu la aliĝ-delaron - kaj, se necese, la priskribon de Via agado - al la Landa Sekcio, Landa Reprezentanto, estrarano aŭ revizoro de "MT" ; tiu rekomendos kaj plusendos Vian aliĝ-deklaron al la Centra Oficejo.

Individua aneco daŭras tri jarojn ekde la akcepto.

Eblas fariĝi individua ano de "Monda Turismo" por Unu jaro. Tiucele Vi devus sendi (rekte al la Centra oficejo de "MT")aliĝ-deklaron kun konfirmo, ke Vi abonis por la koncerna jaro la gazeton "Heroldo de Esperanto", kies rubriko " Feriaj renkontiĝoj" estas neoficiala organo de "MT".

*Se Vi jam estas ano de "Monda Turismo"*

. . . kaj Via trijara aneco finiĝas aŭ ĵus finiĝis - Vi estas petata pagi kotizon por sekvaj tri jaroj kaj resendi al la C.O. de "MT" novan aliĝ-deklaron.

Ĉiuj anoj de "Monda Turismo" - subtenantoj, dumvivaj, individuaj kaj honoraj - regule ricevas la asociajn eldonaĵojn kaj havas samajn organizajn rajtojn: elekti aŭ esti elektataj por estraranoj kaj revizoroj, kundecidi pri agad-programo de "Monda Turismo" ktp. Ili ĝuas rabatojn ĉe la aranĝoj de "Esperantotur"- Turisma Servo de "MT" (5% en la unua, 10% en la dua, 15% ekde la tra jaro de aneco) kaj ĉe aliaj internaciaj Esperanto-aranĝoj.

"Monda Turismo" invitas Vin al kunlaboro!

Telefono : +48 52 415744

Telekopiilo : +48 52 460082

E-poŝto : Turismo@Bydg.pdi.net




## ILO kaj AĴO

| | | |
|---|---|---|
| 1. | | HAR-TUKO |
| 2. | -ILO | TENILO |
| 3. | | ANTAŬ-TUKO |
| 4. | -ILO | BALAILO |
| 5. | -AĴO | BALAAĴO |
| 6. | -ILO | TRANĈILO |
| 7. | -AĴOJ | TRANĈAĴOJ |
| 8. | -ILO | HAKILO |
| 9. | -ILO | SEGILO |
| 10. | -AĴO | ĈASAĴO |
| 11. | -ISTO | ĈASISTO |
| 12. | -ILO | PAFILO |
| 13. | | KUGLO-ZONO |
| 14. | -ILO | TONDILO |
| 15. | -ILO | TENISA BATILO = RAKEDO |
| 16. | -ILO | KOMBILO |
| 17. | -ANTO | LEGANTO |
| 18. | -AĴO | LEGAĴO |
| 19. | -ILO | SKRIBILO: FONTO-PLUMO |
| 20. | -AĴO | SKRIBAĴO: LETERO |
| 21. | -ILO | FOTOGRAFILO = FOTILO |
| 22. | -AĴO | FOTOGRAFAĴO = FOTO |
| 23. | | KLINGO |
| 24. | | DENTOJ |

## Novaĵoj el Ĉinio

*Varman bonvenon al Pekino !*

*Farigu nian Someran Semajnon vere internacia !*

Pere de nia unua bulteno pri Internacia Somera Semajno en Esperanto por geinfanoj kaj gejunuloj vi jam sciis la programojn de tiu evento. Laû la demandoj de niaj usonaj kaj Bulgariaj amikoj ĉifoje ni informigas vin pri la datojn, lokojn, hotelaranĝojn kaj ĉiujn kostojn por la partoprenantoj.

1. Dato : 16-21 Julio 96 en Pekino.
2. Loko : en Pekina mezlernejo n-ro 101, ĵus en Yuan Ming Yuan, proksimume al Somera Palaco, fama pitoreska loko.
3. aliĝ-kotizo : 50 USD, sama po unu persono, ne nur por geinfanoj kaj gejunuloj, sed ankaû por plenkreskuloj.
4. Kampadejo : 7 tagoj, entute 140 USD popersone por loĝado, (en mezlernejo), manĝoj kaj enurba trafiko. (La kosto de ekskurso pagenda aparte laû la aktuala aktivado. Ni aranĝos viziti al Somera Palaco, Yuan Ming Yuan,, Pekina Universitato ktp.)

Se oni petus pli luksan hotelon, ni ankaû povos tion aranĝi, nur bezonas scii kia stelan hotelon vi preferos.

Kun amikaj salutoj ni atendas vian reagon!

Shen Chengru kaj Wang Yuchan
Esperanto-Asocio, Academia Scienca
52Sunlihe Road, CN-100864 Beijing, Ĉinio.
Telefono : 0086 010 2561724, Telekopiilo: 0086 010 851 2458

*Rapide Disvolviĝas Esperanta korespondado Inter Ĉinaj Kaj Alilandaj Gejunuloj Kaj Geknaboj.*

Post la okazigo de Esperanto-kursoj fare de Esp-Asocio ĉe la Ĉina Akademio de Sciencoj al infanoj, lernejanoj kaj universitataj studentoj en Beijing, ĝojinde estas ke en mallonga tempo ni jam akiris rimarkindan, sufiĉe grandan progreson en kondukado de internacia korespondado per Esperanto inter junaj amikoj. Jen nia simpla statistiko :

Landoj, kun kiuj ni korespondas : Usono, Francio, Belgio, Rumanio, Pollando, Irano, Japanio, Britio, Uzbekio, Kubo, Hungario. Brazilo, Jugoslavio, Bulgario, Rusio, Finnlando, Ĉeĥio, Bjelorusio, Ukrainio kaj Kazakio.

## Novaĵoj el Ĉinio

Nombro de korespondantoj kaj korespondoj : Ekde la fino de aŭtuno, 1995 ĝis la 20-a de aprilo, 1996, la korespondoj inter ĉinaj kaj alilandaj Esperantistoj nombriĝis je pli ol 220 homfojoj.

Koresponda enhavo : leteroj, fotoj, poŝtkartoj, mapoj de urboj loĝataj de korespondantoj, desegnaĵoj, novjaraj kartoj, poŝtmarkoj, "pog"(=ludilo), moneroj, folioj kiel legosigno kaj tiel plu.

Korespondaj temoj : memprezento, propra familio, ĉiutaga vivo, intereso kaj hobio, konciza konigo pri propra urbo, festaj moroj, lernado de Esperanto, invito pri vizito, deziro pri intervidiĝo.

Klopoda celo en proksima periodo: Dank' al korespondado, altigi intereson pri Esperanto kaj kapablon por apliki Esperanton, kaj atingi la celon de intervidaĝo. Esperante ke, hodiaŭaj junaj Esperanto-lernantoj, estu morgaŭaj sciencistoj, inĝenieroj, entreprenistoj, konstruontoj de popola respublikoo sciantaj Esperanton.

(Shen Chengru)

## Pri la E-ekspozicio

*"Esperanto-ekspozicio stariĝos en Báhmán-kulturejo de 27an de Aprilo ĝis 5an de Majo."*

Tion admirindan novaĵon mi legis en "Samurbano" ĵurnalo. Surloke oni pli admiras la okazon, ĉar la 2a IREJO-ekspozicio havis 100%an kreskon rilate al la unua kvalite kaj kvante. Vizitantoj povis foliumi esperantajn gazetojn kaj librojn, kaj ankaŭ aŭskulti kasedojn kaj spekti lerno-filmon "Mazi en Gondolando"n. Ili ankaŭ povis registri sian nomon por venont-semestra E-kurso kaj aĉeti lernolibrojn kaj kasedojn.

Pere de sinjoroj Torabi kaj ĤosroAbadi kaj s-ino Azárhuŝáng (la fratino), la ekspozicio estis starigita kaj ili tre klare respondadis ĉiujn demandojn, de 9a ĝis 19 horo ĉiutage.

Sinjoro Azárhuŝáng raportadis intervjue kaj filmante la ekspozicon al Esperantujo eksterlande kaj ankaŭ la kulturejo mem donis raporton al amaskomunikiloj enlande.

Antaŭ ol fino indas rimarki tion ke IREJO por sia movad-ago en ĉiuj kampoj bezonas pliajn subtenojn de ni ĉiuj samideanoj.

*A . Hákim Neĵad*

*El Italio :*

Estimata Redaktoro!

Kun granda intereso mi ricevis kaj legis IREJO-Bultenon n-ro 12.

Kompreneble mi ofte aûdis pri la Irana movado rekte aû tra plej diversaj kanaloj, sed unuafoje mi povis konstati vian agadon, entuziasmon, atingojn.

Vi estas ekzemplo por pluraj landoj kaj mi esperas ke ĉiam pli diskoniĝos viaj iniciatoj, tiel ke ili estu stimulo por aliaj.

Dankon pro via entuziasmo kaj vervo.

plej amike bondeziras sukceson en pliaj iniciatoj.

*(S-ino)Michela Lipari Sato, Estrarano de UEA pri junularaj aferoj*

*El Kubo:*

Nia redakcio multe dankas pro via kunlabro tial ke via bulteno bonorde atingas nin.Ni ankaû gratulas vian teamon pro la tria jariĝo de IREJO kaj pro la plenumita laboro.

*lourdes lopes, Direktorino pri korespondado de Radio Havana, Kubo*

. . . mi devas gratuli la aperadon de IRJO-Bulteno, kvankam mi ne plu estas tre juna, sed ĝojas legi ĝin. Mi esperas ke venonte ni legos en ĝi pli bonajn artikolojn en pli ĝusta lingvouzo. Estas admirinda via agado por diskonigi la internacian lingvon. Mi fakte admiras kaj samtempe envias vin ĉiujn.

*Mohámmád KÁRAMUDINI-Tehrano(UEA fakdelegito)*

Koran dankon por IREJO-Bulteno ricevinte ĝin mi eklegas kaj ĉiufoje trovas progreson ...

*M. Dj. Kámali, UEA delegito. Áhvazo*

---

*Oficiala Raporto :*

*"IREJO-Biblioteko"*

S-ino Heŝmát Fáráĝi (Yalĉin) Irano/Turkio donacis 176 periodaĵojn kaj 24 librojn.

D-ro H.Ráŝidi, Torbáte Ĝamo, donacis 2 librojn.

S-ro Dieter Rooke, Svisio, donacis 3 librojn.

(ĝis 30.2.1375/10.5.96) Al ĉiuj kontribuantoj koran dankon!

## Konata voĉo

Je la nomo de Esperanto mi komencas kaj post ĉi tiu slogano mi diras pri mem. Mi estas Máhmud Mirbozorgi, aĝas ĉirkaŭ 27 plenpekajn jarojn. Nun militservas, malmortas, Anglumas, Esperantumas kaj kotopoumas. Plaĉas al mi pentrarto (jam studis ĝin), muziko, piedirado ktp.

Unuafoje mi konis Esperanton en 1989 pere de mia bofrato s-ro Taran kaj prunteprenis "La dua lingvo-n de d-ro Saheb Zamani" el lia frato, s-ro M.R Taran. Esperanto fascinis min kaj mi entuziasme mane kopiis la tutan libron. Ia turnopunkta evento, ĉu ne? Estas oportune kore danki kaj mi ĉiam ŝuldas al ili ambaŭ. Poste mi ekmemoris ke iam aĉetis libreton pri Esperanto, mi tra serĉis kaj trovis ĝin en la librobreton : "La eta vortaro de Esperanto" eldonita per Átai.

Jaroj poste sugestiĝis al mi ke spirito(j) elektas viktimojn por ke ili iĝu Esperantistoj kaj bonŝance mi estas unu el tiuj viktimoj. Mi membriĝis en UEA en 1989, izolite kaj lamante per kelkaj disponeblaj libroj kaj "esperanto" gazeto mi antaŭeniris. Ĝis kiam la dua turnopunkto okazis "fondo de IREJO".

Perletere s-ro Torabi anoncis pri IREJO-renkontiĝo kaj vizitante ilin, la afeblaj, iniciatoroj, junaj bravuloj, mi vigle kaj serioze daŭrigis E-on.

IREJO naskiĝis kaj helpis Esperanton en Irano, mi ne nomas ĝin Esperanto-movado, ĉar ke en antaŭ-IREJO dum-longe ni ne havis movadon en Irano nur agoj kiel falantaj aerolitoj.

IREJO ĝis nun jam bone antaŭeniris konsiderinte la specialajn politikajn kaj sociajn statojn.Sed por daŭrigi sin devas agi kiel vivanta informadik-epoka estaĵo. IREJO kiel mikrosocio devas fortiĝi en ekonomio, politiko kaj kulturo; havi kovron gardadan por gardi sin, kaj komunikan por interŝanĝo de la informoj ĉar la informoj pli fortigas ĝin. Kaj ankaŭ la garda kovro ne devas malhelpi enpenetri ĝin. Ankaŭ IREJO devas eviti monopolismon kaj lerni demokration kaj agadi demokratie.

Fine mi mencias frazojn el " Literatura foiro n-ro 115" menciita en esperanto n-ro 1000 : Ni estas esperantistoj ĉar ni sukcesis rigardi trans la limoj de nia nacia horizonto . . .

Ĉu ni kapablas estigi oportunan ekvilibron, pensante globe kaj agante loke? aŭ ni riskas enfermiĝi en propran getton ? . . .

*Máhmud Mirbozorgi*

*IREJO-reprezentanto en Eŭropo*

Golam Reza Azárhuŝáng reprezentos nian asocion en 81-a UK okazonte en Ĉeĥio. S-ro Azárhuŝáng kiel la patrona membro de IREJO ankaŭ dum siaj diversaj eksterlandaj vojaĝoj dece klarigas aktualan situacion de la E-movado en nia lando al la aliaj gesamideanoj.

S-ro Azárhuŝáng maje ekvojaĝis al Polio kaj ĝis la fino de UK restos en Eŭropo.

*Esperanto-ekspozicio en Báhmán kulturejo*

IREJO aranĝis la duan Esperanto-ekspozicio en Báhmán kulturejo ekde 8.2.75 ĝis 16.2.75 (27.4.96 ĝis 5.5.96).

Pli ol 500 Esperantaĵoj (libroj, gazetoj, kasedoj kaj filmoj) estis elmontritaj.

"Mazi" estis ankaŭ partoprenita en la ekspozicio kaj li rakontis sian historion Esperant-lingve al vizitantoj kaj tre plaĉis al ili la aventuroj de Mazi.

Pri la ekspozicio raportis la plej eldonkvanta Irana ĵurnalo 'Hámŝáhri' (Samurbano, pli ol 305,000 ekzempleroj) kaj la kvara televid-kanalo faris propran raporton.

*En Kuvajtio*

Nia deligenta membrino Fárŝide raportis el Kuvajtio ke malgraŭ multaj klopodoj ŝi ne sukcesis ekhavi daŭran rilaton kaj konsilion kun UEA kaj TEJO. Fárŝide estas sufiĉe aktivema sed ŝi estas sola en Kuvajtio kaj estas nia tasko iel ajn kunhelpi ŝin por ekkonigi Esperanton ankaŭ al Kuvajtia socio.

Ni laŭ movada tasko invitas ĉiujn gesamideanojn por helpi la disvastigon de E-on en Kuvajtio, kie nun loĝas nia samideano. Árablingvaj dokumentoj, lerno-libroj kaj informiloj pri E-o estas ege bezonataj. Bonvolu interesitoj kontakti kaj kontribui pri la afero la konstantan asocian adreson.

*Ĉu vi aŭskultas E-radion?*

En nia lando radio Ĉinio kaj Aŭstrio klare estas atingeblaj. Al ĉiuj gesamideanoj ni rekomendas laŭ eble sekvi iliajn programojn. Se vi ne facile povas atingi ilin volu telefone interkonsiliĝi kun s-ro Hámzeh Ŝáfii pri E-radioj atingeblaj en Irano. Radio Pollando ankaŭ iom malfacile aŭskulteblas en Irano.

IREJO regule interŝanĝas informojn kun ĉiuj radio-elsendoj Esperantaj tra la mondo kaj invitas sian membraron plu amikiĝi kun E-radioj kiuj estas ege utilaj rilate al internacia komunikado.

### *Oficialaj E-kursoj*

La plej oficialaj E-kursoj nuntempe en Irano estas aranĝitaj en Báhmán kulturejo kiujn gvidas IREJO aktivuloj. Post la islama revulacio unuafoje estas ke E-kursoj oficiale okaziĝas en ŝtata kultur-centro kiel Báhmán kulturejo. Nuntempe E-kursoj laŭ tri niveloj estas lanĉitaj en la kulturejo kiujn gvidas M.Reza Torabi kaj M.Fáhmi.

### *Raporto en ĵurnalo*

La plej freŝa Irana ĵurnalo Áĥbar (Novaĵoj) faris intervjuon kun la vicestro de Báhmán-kulturejo pri instruado, demandante lin "kial oni okazigas E-kursojn en la kulturejo." La vicestro inĝ. Haŝem Javári responde klarigis ke : "Ĉar Esperanto estas la aprobita lingvo de UNESKO kaj ankaŭ ĝi estas neŭtrala lingvo do laŭ nia instruada politiko ĝi meritas instruadon kaj ni helpe de E-instruistoj por konatigi ĝin starigis E-kursojn en la kulturejo".

La ĵurnalo Áĥbar publikante la intervjuon aperigis Zamenhofan foton, kiu estas unuafoje publikita post 15 jaroj en Irana gazetaro. Junulara movado burĝonas en Irano kaj la faritaj agoj en Báhmán kulturejo estas ekzemplo pri tiu.

---

### *Lasta novaĵo!*



*Atentu!* *Atentu!*

# *10 leciona Esperanto-kurso*

- دوره آموزش زبان بین‌المللی اسپرانتو در ۱۰ درس
- کتاب آموزشی **IREJO** برای دوره مقدماتی اسپرانتو
- پیش نیاز **CSEH-Kurso** برای فارسی زبانان
- دوره پیشنهادی **IREJO** برای تدریس در فرهنگسراها و دیگر مراکز آموزشی
- بها : ۶۵۰۰ ریال به همراه فرهنگ آسان اسپرانتو - فارسی
- تخفیف ویژه برای خرید بیش از ۵ سری ( ۱۵ ٪ )

ضمیمه **P.I.V** از هم اکنون قابل دریافت می‌باشد.
چنانچه شما فرهنگ کامل مصور را دارید، داشتن ضمیمه آن ضروری است. علاقه‌مندان با ارسال ۲۸۰۰ ریال تمبر باطل نشده داخل پاکت نامه ضمیمه **P.I.V** را دریافت خواهند کرد.

کیف کمری با نشان **Saluton!** هدیه‌ای از ایتالیا.
تعدادی کیف کمری با نشان **Saluton!** در دفتر اسپرانتو جوان موجود است. علاقه‌مندان با پرداخت ۱۲۰۰۰ ریال تمبر باطل نشده و یا ارسال وجه نقد بوسیله پست مالی به آدرس ص. پ. ۶۱۸-۱۳۱۸۵ به نام عباس باغستانی می‌توانند آنرا دریافت کنند.